21a Jaro - No 8 (222) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aŭgusto 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista



Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

## Libertempa babilado

# Kion ni pensas pri nia gazeto ?

Inter multaj aliaj, ni ricevis ankaŭ tiun ĉi monaton la belan revuon de niaj francaj amikoj: « Franca Esperantisto ».

En ĝi ni trovis ĉefartikolon de S-ro Jean Couteaux. El ĝi ni lernis, ke, dum la kongreso, kiu okazis en Arras ,la kongresanoj havis la kuraĝon organizi veran debaton pri la nacia revuo. Ni tuj diru, ke la festantaj Esperantistoj bonvolis unuanime aprobi la manieron laŭ kiu « Fr. Esp. » estas, ĝis hodiaŭ, prezentita kaj la ĝeneralan linion, sekvitan de ĝiaj redaktantoj.

Tiuj ĉi tamen profitis la debaton por peti la kongresanojn, ke ili donu al ili sian precizan opinion pri la diversaj rubrikoj jam aperintaj, kaj ili havis la plezuron aŭdi netajn opiniojn kaj eĉ registri klarajn voĉdonojn, kiuj permesos al ili ŝanĝi en ia mezuro la enhavon de tiu gazeto.

La Kongreso efektive opiniis, ke ili povos doni al ĝi aspekton malpli severan, vizaĝon pli ridetantan. Ili ĝis nun efektive dediĉis kelkajn kolonojn al instruo kaj propagando. « *Amuzu nun iom pli multe !* », la kongresanoj diris al la redaktantoj.

La Kongresanoj ankaŭ petis, ke, ekster la « instrua paĝo », kiu, en tiu revuo, estas prizorgata de S-ro Warringhien, oni ĉesigu ĉiun prilingvan polemikon.

Aliparte la kongresanoj ankaŭ pridebatis tiun delikatan demandon : « *ĉu la poetoj, la solenaj poetoj devas trovi lokon en la ĵurnalo ?* ». Kaj rimarku, « unuanime » oni konkludis ke ne ! Kaj oni oficiale decidis, ke nur la verkoj de la tre grandaj poetoj (— kaj ili ne jam estas legio en la esperantistaj rondoj —) povos esti de nun presataj.

Leginte tiun artikolon de S-ro Jean Couteaux, ni demandis al ni, ĉu ni devas bedaŭri, ke dum nia Bruĝa Kongreso ni, ĉe ĉiu okazo, memorigis al la samideanaro, ke ni estas la kasisto de « Belga Ligo Esperantista », dum ni nenion diris, kiel direktoro de la revuo.

Ni nun demandas al ni, kia estus iĝinta debato pri tiu sama demando, en la rangoj de la belga Esperantistaro.

Ĉu ankaŭ unuanime la ĉeestantoj estus aprobintaj la manieron laŭ kiu ni, ĝis nun, prezentis la revuon?

Memorinte la serenan, gajan, festan atmosferon de Bruĝo, ni preskaŭ fidas, ke ni ankaŭ estus akirinta tiun unuanimecon, ne ĉar ni mem pensas, ke la Belga revuo plej bone taŭgas en sia nuna formo, sed ĉar neniam satantaj popoloj emis al revolucio.

Sed, la francoj ne haltis tie. Ili ankaŭ voĉdonis pri precizaj demandoj. Tiu de la poezioj en la revuo estas efektive tute preciza.

Kaj en tiu demando vere ni dezirus akiri, se ne voĉdonon ielan pri tiu temo, tamen indikon. Ĉar ĉiuj komencantoj sendas al ni poeziojn. Poeziskribado estas juneca malsano, do ankaŭ la novuloj en nia movado devas koni ĝin kaj la gvidantoj cetere kuraĝigis ilin.

Ĉu, antaŭ kelkaj jaroj jam, ne aperis « Kompleta (!) Rimvortaro », kunmetita... de ni mem.

Tial ni volonte tamen presas malgrandajn poeziaĵojn en nia revuo kaj ni fidas, ke niaj legantoj ankaŭ volonte ilin legas... eĉ se ili ne estas de la tre grandaj poetoj.

Sed ni aliflanke volas kapti la okazon por demandi al niaj poetoj, kiel cetere al niaj aliaj kunlaborantoj, ke ili paciencigu se io ne aperas en tuja estonteco, kaj ne koleriĝu, se iafoje io ne tute aŭ eĉ tute ne aperas.

Ili pripensu ke ĉiu numero enhavas nur ok paĝojn, kaj ke estas diversaj rubrikoj, kiuj eble ne ĉiuj interesas ilin persone, sed kiuj ĉiuj tamen interesas parton de nia legantaro.

Ili fidu nin, se ni asertas, ke estas malfacile dividi ok paĝojn tiaprocente ke tiu divido kontentigu ĉiujn.

Kaj ni finas dankante niajn francajn amikojn, kiuj per sia diskutado dum sia kongreso, ebligis al ni tiun babiladon kun niaj legantoj, pri temo plej interesa por ni, kiu gvidas organon.

Maurice JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

### KOMPLETIGA RAPORTO

En antaŭa numero, ni promesis kompletigi la tamen jam tre detalan raporton de nia samideano Sielens, per kelkaj aldonoj.

En tiu direkto kaj komencante per la komenco, ni diru, ke la salono de la akceptejo ne nur estis ornamita per la portretoj de niaj tri lastaj prezidintoj, sed ankaŭ per tiu de nia unua, Komandanto Lemaire, kies deflankiĝo de la bona vojo, ne estas por ni kialo ne memori pri la servoj, kiujn li faris. Ankaŭ bela portreto de Generalo Leman, nia unua honora Prezidinto, kompletigis tiun belan galerion de portretoj.

Jen sekvas la nomoj de la diversaj samideanoj, kiuj, nome de la fremdlanda kongresanaro salutis la kongreson: S-ro Goodliffe, por la britaj, Boone, por la francaj, Ems, por la germanaj, Ládór, por la hungaraj, kaj Mension, por la nederlandaj geamikoj.

Kaj jen la listo de la telegramoj kaj korespondaĵoj gratulaj, ricevitaj kaj legitaj de la Prezidanto :

Kongreso de Romo.
Brita Kongreso en Southend-on-Sea.
Sinjoro Humez, Kongreso en Arras.
S. F. P. E., S-ro Petit.
Germana Esperanto Asocio.
Norvega Esperantista Ligo.
Pollanda Esperanto Delegitaro.
Jugoslava Kongreso de Esperanto.
La Estonta estas Nia, Leen, Nederlando.
Cseh-Instituto de Esperanto.
Marista Ligo Esperantista.

S-ro Claude Vernay (Dunkerque), S-ro Vanhove (Dunkerque), S-ro Edmond Pomérol (Boulogne Billancourt), S-ro J. J. Boutwood (Hastings), S-ro Roome (Sheffield), S-ro Armstrong (Burton on Trent), S-ro Fechner (Gladbeck), S-ro Max Hickmann (Dresden), S-ro Krestanov (Sofia), S-ro Dauphin (Esperantista Centra Librejo, Paris), S-ro Pready (Reading), S-ro Dechesne (Sclessin), S-ro Leroy (Lieĝo), S-ro Leflot (Liero), S-ro Burghgraeve (Bruselo), F-ino Bottin (Bruselo), S-ino F-ino Algrain (Bruĝo), S-ro Desonay (Spa), F-inoj Dorsinfang (Namur), S-ino Biggs (Bruselo), S-ro Van As (Antverpeno — *nur saluta kun rezervoj*), S-ro E. Patiny (Bruselo), S-ino Elworthy-Posenaer (St Mariaburg), Ges-roj Vermandere (Antverpeno), S-ino A. J. Witteryck (Bruĝo), Ges-roj Dervaux (Bruĝo), Ges-roj Segers-Witteryck (Bruĝo), Profesoro Gunsburg (Antverpeno), Monseigneur Picard (Loveno), S-ro Pastro Christanell (Salzburg), Frato Ludoviko (Bruselo), Pastro Van den Reydt (Namur), Pastro Mompaey (Bruselo), Ges-roj Herion (Verviers), S-ro Barnes (Colchester), S-ro Paul Benoit (Oost-Duinkerke), S-ro Delfi Dalmaŭ (Barcelona), S-ro Louis Bastien (Paris) kaj F-ino Jacobs (Antverpeno).

Plie la Prezidanto faris dum la ĝenerala kunsido tre interesan paroladon kiun ni jam resumis, kaj kiu finiĝis jene :

Nia situacio ĉe UEA multe pliklariĝis pro decido kiun la

## XXV-a Belga Esperanto-Kongreso

**La Louvière 30-31 Majo-1 Junio 1936.**

*2-a Informbulteno :*

La LOKA KONGRESA KOMITATO estas nun definitive kunmetata jene :

*Prezidanto :* S-ro André Tassin, industriisto, rue St Joseph 1, La Louvière.

*Vicprezidantoj :* S-roj E. Jacques, industriisto, kaj Jules Bonge, apotekisto.

*Sekretario :* S-ro Marcel Parfondry, instruisto.

*Helpsekretario :* S-ro Victor Dauchot.

*Kasisto :* S-ro Marcel Herlemont.

*Helpkasisto:* S-ro Charles Faure.

*Membroj :* S-roj Maurice Daems, Auguste Desmarest, Lucien Van der Maeren, R. Souffet kaj Delvaux.

La L.K.K. jam pristudas diversajn aranĝojn.

La *Kongresa Adreso estas :* 1, rue St Joseph, La Louvière.

Kiel jam dirite, la poŝtĉekkonto de la XXV-a Belga Esperanto-Kongreso estas : N-ro 1119.10, La Louvière.

Ĉiu, kiuj ĉeestis la bele organizitan kongreson en Bruĝo, tuj pagu sian kotizon de Fr. 15,—, por same faciligi la sukceson de tiu de La Louvière.

*Dua listo de Kongresanoj :*

29. S-ro André Cheppe, Pâturages.
30. S-ro André Tassin, La Louvière.
31. S-ino André Tassin, La Louvière.
32. S-ro Fernand Heuchamps, Quiévrain.
33. S-ro Noël Piette, Quiévrechain (Francujo).
34. S-ro Emile Jacques, La Louvière.
35. S-ino Emile Jacques, La Louvière.
36. S-ro Franz Barbé, La Louvière.
37. S-ro Omer Lahaut, La Louvière.
38. S-ro Auguste Desmarest, La Louvière.
39. S-ro Charles Faure, La Louvière.
40. S-ro Maurice Daems, La Louvière.
41. S-ro Victor Dauchot, La Louvière.
42. S-ro M. Parfondry, La Louvière.
43. S-ro M. Herlemont, La Louvière.
44. S-ro Jules Bonge, La Louvière.
45. S-ino Jules Bonge, La Louvière.
46. S-ro L. Van der Maeren, La Louvière.
47. S-ro R. Souffet, Haine Saint-Paul.
48. S-ro Delvaux, La Louvière.

---

Estraro de UEA akceptis dum sia lasta Paska Kunveno. Ĝi tekstas jene :

« *La rezolucio rekonfirmas la principon, ke orda kaj konstrua laboro povos disvolviĝi nur kun plene respondecaj naciaj centroj, regule funkciantaj je tutlanda amplekso, ke estas devo ne ratifi la dividiĝemon de esperantistaj organizaĵoj, ĉu pro moralaj, ĉu pro ekonomie-teknikaj principoj. Laŭ tio estas konsilite, ke ĉiuj samideanoj aliĝu al la funkcianta landa asocio kaj solvu eventualajn malkonsentojn interne de ĝi.* »

Tiu decido plene respondas al tio, por kio tiom batalis nia amiko Schoofs, kaj estas fakte la nura rimedo, por ke la movado ekfloru en ĉiuj landoj.



*La aŭtorino kaj la geaktoroj sur la scenejo post la ludo.*

Sekve de ĝi, la Estraro de Belga Ligo Esperantista konfirmas sian ĉiaman vidpunkton, ke ĝi estas preta akcepti ĉiujn membrojn kaj grupojn kiuj montriĝos laŭstatute neŭtralaj, kaj doni al ili laŭstatutan reprezentadon en la Komitato kaj Estraro. Belga Ligo neniam agis malamike kontraŭ kiu ajn Esperantisto aŭ esperantista organizaĵo. Ĝi reciproke atendas saman sintenon de ĉiu.

La decido de la Estraro de UEA estas grava: se ĝi konfirmas la rajtojn de Belga Ligo Esperantista en Belgujo, ĝi ankaŭ memorigas pri ĝiaj devoj. Ĝi prave atentigas pri neceseco de « plene respondeca nacia centro, regule funkcianta je tutlanda amplekso ». Tian centron ni ĝis nun ne sukcesis starigi. Tio estos la laboro de la venontaj monatoj, kondiĉe ke vi, Esperantistoj, donu al Belga Ligo la moralajn kaj financajn rimedojn por ĝin starigi. Ni do varme petas vin, aliĝi al via landa organizaĵo kaj subteni ĝin per ĉiuj viaj fortoj, financaj kaj moralaj. Ni do tuj agu, por forta Belga Ligo Esperantista, kaj forta Universala Esperanta Asocio.

El la bela raporto de S-ro Petiau, ni ĉerpas la historian parton, kiu rilatas al la 30-jara jubileo de Belga Ligo :

La unua pioniro de Esperanto en Belgujo estas Komandanto Lemaire, kiu aperigis serion da artikoloj favoraj al Esperanto en la ĵurnalo « Le Petit Bleu », nun malaperinta, kaj faris multajn paroladojn pri kaj por nia lingvo. En tiu tempo la propagando ne estis facila pro la ĵusa malsukceso de « Volapuk », ĉar la publiko fariĝis tre skeptika pri la helplingva demando! Tamen, dank'al la personeco de Komandanto Lemaire, famkonata pioniro de Kongolando, lia propagando vekis sufiĉe grandan atenton al Esperanto kaj kelkaj adeptoj konigis sin. Inter ili estis S-ro Witteryck, el Bruĝo, malnova volapukisto, kiu tuj entuziasmiĝis por Esperanto kaj entreprenis senlacan propagandon. Li eldonis lernolibrojn kaj propagandilojn, kiuj tre helpis por diskonigi la novan lingvon. En 1902 li fondis la unuan belgan grupon « Bruĝa Grupo Esperantista », kiu restis ĉiam plej agema kaj floranta. Ni havas ankoraŭ hodiaŭ novan pruvon pri ĝia vigleco!

Intertempe la movado kreskis; novaj grupoj fondiĝis en Antverpeno, Bruselo, Liêgo, Loveno, Verviers, k.a. Tiuj grupoj baldaŭ sentis la necesecon kunigi siajn fortojn kaj en 1905 ili fondis nacian societon sub la nomo de « Belga Ligo Esperantista» sub la prezidanteco de Komandanto Lemaire. De tiu momento la movado rapide progresis kaj ĉio antaŭvidigis grandan prosperadon kiam ekaperis la Ida skismo. Tiu periodo estas certe la plej malfacila kaj malagrabla travivaĵo de nia belga movado. Ekestis senfinaj diskutoj por kaj kontraŭ la reformo de Esperanto. Tiuj tedaj diskutoj malkuraĝigis multajn adeptojn kaj endanĝerigis la tutan aferon, tiom pli, ke Komandanto Lemaire estis favora al Ido! Kelkaj fidelaj Zamenhofaj Samideanoj, inter kiuj S-roj Witteryck, Van der Biest, Oscar Van Schoor, el Antverpeno, kaj kelkaj aliaj, tuj komprenis la danĝeron kaj energie kontraŭagis. Ili okazigis ĝeneralan kunvenon de la Ligo dum kiu ili kuraĝe defendis Esperanton kaj malaprobis la reformemulojn. Komandanto Lemaire eksiĝis kiel Prezidanto de la Ligo kaj nova komitato estis elektata. S-ro Amatus Van der Biest, patro de D-ro Van der Biest, nuna Prezidanto de la Brusela Grupo, iĝis Prezidanto, S-ro Witteryck, Vicprezidanto kaj S-ro Oscar Van Schoor, Kasisto. La nova Estraro decidis ne plu sin okupi pri la reformoj sed daŭrigi ageme la propagandon de la helplingvo elpensita de D-ro Zamenhof kaj nova periodo de progresado rekomencis.

En 1909 okazis la unua belga kongreso en Verviers, organizita de la tiea grupo, kies prezidanto estis S-ro Parotte, kiu akcidente mortis antaŭ kelkaj jaroj. La aliaj kongresoj sinsekvis regule ĉiujare: en Bruĝo, Charleroi, Gento, Spa kaj Mehleno en 1914. Intertempe okazis la 7a Universala Kongreso en Antverpeno en 1911 kaj « Internacia Esperanto-Semajno »



*La bruĝaj gesamideanoj, kiuj dancis la kvadril- kaj lancistan dancojn*

en Gento, okaze de la tiea universala ekspozicio en 1913.

La afero estis en plena kreskado kiam eksplodis la milito, kiu haltigis la tutan movadon sed ne mortigis ĝin, ĉar tuj kiam revenis la paco, la propagando rekomenciĝis ageme kaj jam en 1920 okazis en St. Gilles (Bruselo) la unua postmilita kongreso dank'al la kuraĝa kunhelpo de F-ino Jennen kaj S-ro Mathieux. La naciaj kongresoj okazis denove regule ĉiujare kaj en 1928 okazis en Antverpeno la universala kongreso, kiu estis grandega sukceso!

Tiel pasis la jaroj dum kiuj nia movado ricevis ankaŭ gravajn moralajn apogojn: la Reĝo Alberto donis sian altan protektadon al la du universalaj kongresoj okazintaj en Antverpeno kaj al la Internacia Esperanto-Semajno de Gento. Generalo Leman, la heroo de Lieĝo, fervora Esperantisto, akceptis en 1920 la honoran prezidantecon de « Belga Ligo »; bedaŭrinde li mortis kelkajn monatojn poste ne povinte doni al nia Ligo la apogon, kiun ni atendis de li. Princo Leopold, Duko de Brabanto, bonvolis anstataŭi Generalon Leman kaj nun kiel Reĝo li konsentis konservi la titolon de Honora Prezidanto de « Belga Ligo », donante tiel gravan moralan subtenon al nia belga movado.

Vi do povas konstati, ke la belgaj esperantistoj neniam lasis sin senkuraĝigi malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj kaj bazante sur la estinteco ni rajtas antaŭvidi la estontecon kun espero kaj fido!

Tiam S-ro Petiau priparolis la gravajn funebrojn de 1934, la mortojn de nia Reĝo, kaj de niaj Prezidintoj S-roj Schoofs kaj Witteryck.

La morto de S-ro Schoofs havigis al la estraro de « Belga Ligo » gravajn taskojn plenumotajn. Unue ĝi devis zorgi por la daŭra apero de « Belga Esperantisto » kaj pri la normala funkciado de la Ĉefdelegiteco de UEA. Du agemaj kaj sindonemaj Samideanoj tuj akceptis plenumi tiujn taskojn: nome S-roj Jaumotte kaj De Ketelaere, respektive nun Direktoro de « B. E. » kaj Ĉefdelegito de UEA. Vi scias kiel ili plenumis kaj ankoraŭ plenumas sian funkcion; mi do ne insistos por ne ofendi ilian modestecon, sed je l'nomo de la Ligestraro mi kore dankas ilin por ilia tuja preteco helpi ĝin!

Oni ankaŭ povis timi, ke la malapero de S-ro Schoofs endanĝerigus la ekziston de « Belga Esperanto-Instituto », lia ĉefverko! Feliĉe, tiuj timoj estis senmotivaj. Tuj troviĝis en Antverpeno kuraĝaj kaj sindonemaj Samideanoj por helpi S-inon Schoofs, kiu kuraĝe daŭris prizorgi la vendofakon de la instituto kaj ĝin, iom post iom, tute komerce organizi. Vi scias kiel ili sukcesis: apenaŭ ses monatoj poste malfermiĝis esperantista butiko en la Willemsstrato, centra parto de Antverpeno. La revo de nia amiko Schoofs estis fariĝinta realeco, Esperanto havis sian propran domon! Jen kion kapablis realigi kelkaj praktikaj kaj bonvolemaj amikoj de Esperanto!

S-ro Petiau ankoraŭ memorigis pri la starigo kaj inaŭguro de la monumento Frans Schoofs kaj pri la reorganizo, cetere de ĉiuj konata de la laboro en la Ligestraro.

Li citis la laboron de la diversaj ligaj grupoj kaj de S-ro Tassin en « Radio Wallonia ».

Li finis per granda gratulo al la L.K.K. de la Bruĝa Kongreso.

Kaj ni ne volas fini tiun ĉi krom-raporton, ne citante apud la nomo de la animantino de la Bruĝa Grupo, F-ino Thooris, tiujn de ĉiuj gekunlaborintoj.

Kaj tial niaj legantoj tie ĉi trovos belan honoran tabulon:

*La Loka Kongresa Komitato konsistis el:*

F-ino Yvonne THOORIS.
S-ro Charles POUPEYE.
S-ro Edouard VERBEKE.
F-ino Yolande HUBRECHT.
F-ino Maria VANDEN BERGHE.
S-ro Georges GROOTHAERT.
F-ino Alice BOEREBOOM.
S-ro Henri CAMPE.
S-ro Charles DECOSTER.
S-ino Jeanne GROOTHAERT.

*La gehelpintoj de la L.K.K. estis:*

S-ino Marie Boedt-Thooris, S-ro Albert Boedt, F-ino Juliette Boedt, S-ro Yves Boedt, S-ro Alfons Boussery, F-ino Marie Louise Bulcke, S-ro Fr. de Bel, S-ro Jef Decoster, F-ino Suzanne De Kersgieter, S-ro Henri Delcloo, S-ro Pierre De Vooght, S-ino Paula De Vooght, F-ino Monique De Vooght, S-ro Gustave Dotselaere, S-ro Robert Groverman, S-ro Eugène Guillaume, S-ro Victor Huyghe, S-ino Marie Huyghe, F-ino Marguerite Huyghe, S-ro Vital Jéhausart, F-ino Alberthe Ledène, F-ino Corry Leibbrand, F-ino Maria Mahieu, F-ino Irma Maertens, F-ino Laurence Meeuws, S-ro Hilaire Moy Thomas, S-ino Gabrielle Poupeye, S-ro Julien Roose, S-ino Alice Stroobandt, S-ro Joseph Tanghe, S-ro Albert Thooris, F-ino Irène Verhelst, F-ino Cécile Verhelst, F-ino Cécile Volckaert, F-ino Cécile Willems kaj F-ino Madeleine Willems.

Ni konservu al ili ĉiuj daŭran dankemon.

M. J.

## U. E. A. (Belga Teritorio)

### JARKUNSIDO EN BRUĜO

Kiel ĉiujare la ĉefdelegito okazigis la jarkunsidon de la membraro de U.E.A., en la kadro de la Belga Kongreso.

S-ro De Ketelaere estis ĉirkaŭata de S-roj Kempeneers, Prezidanto kaj Petiau, sekretario de Belga Ligo Esperantista kaj F-ino Thooris, prezidantino de la L.K.K.

F-ino Thooris estis elektata kiel prezidantino de la kunsido kaj S-ro Alofs, kiel raportanto.

El ties-ĉi detala raporto ni ĉerpas sekvantajn informojn:

S-ro De Ketelaere faras raporton pri la stato de UEA en nia lando kaj memorigas pri la devo de Belga Ligo varbi, inter siaj membroj, kiel eble plej grandan nombron de aktivaj membroj de UEA.

Li atentigas pri la malfavora financa situacio de UEA kaj pri la grandega laboro, kiun devas efektivigi la Centra Oficejo.

La ĉefdelegito klarigas sian labormanieron por varbi novajn membrojn.

Poste la kunvenantaro priparolas la demandon de la esperantigo de la junularo, komencante per la infanoj de la Esperantistoj mem.

Diversaj membroj citis ekzemplojn diversajn.

La ĉeestantoj esprimis la deziron ke la grupoj sinokupu pri la allogo de la infanoj.

**PORTU ĈIAM**

**VIAN VERDAN STELON!**

# LITERATURO

## VICTOR HUGO

### La Grandsalono.

*(Sekvo)*

Kaj estis vere la rektoro kaj ĉiuj altoficuloj de la Universitato kiuj iradis procesie renkonten al la ambasadoroj kaj trairis en tiu ĉi momento, la placon de la Juĝejo. La lernejanoj, premitaj ĉe la fenestro, eksalutis ilin, dum ili preterpasis, per sarkasmoj kaj ironiaj aplaŭdoj. La rektoro kiu marŝis antaŭe de la grupo, suferis la unuan insultaron ; ĝi estis kruela.

— Bonan tagon, sinjoro rektoro ! Holahe ! bonan tagon do !

— Kiel li agis, por esti tie ĉi, la senbrida ludemulo ? Li do lasis flanke siajn ĵetkubojn ?

— Kiel li trotas sur sia mulino. Ĝiaj oreloj estas malpli longaj ol la liaj.

— Holahe ! Bonan tagon, sinjoro rektoro Thibaut ! *Tybalde aleator,* maljuna stultulo ! maljuna ludemulo !

— Ke Dio vin protektu ! ĉu vi ofte ludis la duoblan-seson dum tiu ĉi nokto ?

— Ho ! la kaduka vizaĝo, plumbolkolora, tirita kaj batita per la amo por la ludo kaj la kuboj !

— Kien vi tiel iras, *Tybalde ad dados,* turnante la dorson al la Universitato kaj trotante al la Urbo ?

— Li verŝajne iras por serĉi loĝejon en la Thibautode-strato, kriis Jehan de l' Muelilo.

La tuta grupo ripetis la vortludaĵon per tondra voĉo kaj kun aldono de furioza manfrapado.

— Vi do iras serĉi loĝejon en la Thibautode-strato, ĉu ne, sinjoro rektoro, ludanto de la batalo de l'diablo ?

Kaj poste estis la vico al la aliaj altranguloj.

— For la pedeloj ! For la heroldoj !

— Diru, Robin Poussepain, kio povas esti, tiu... tie ?

— Estas Gilbert de Suilly, *Gilbertus de Soliaco,* la kanceliero de la kolegio de Autun.

— Prenu, jen mia ŝuo : vi estas pli bone lokita ol mi ; ĵetu ĝin en lian vizaĝon.

— *Saturnalitias mittimus ecce nuces.*

— For la ses teologoj kun la blankaj surplisoj !

— Ĉu estas tie la teologoj ? Mi kredis ke estis la ses blankaj anseroj, kiujn donacis Sankta Genevievo al la urbo, por la feŭdo de Roogny.

— For la kuracistoj !

— For la diskutoj ĉefaj kaj laŭplaĉaj ! *(quodlibet'aj)*

— Al vi mia kufo, kanseliero de Sankta Genevievo ! vi faris al mi favormaljustaĵon. — Vere estas ! Li donis mian lokon en la nacio de Normandio al la eta Ascanio Falzaspada, kiu venas el la provinco de Borges, ĉar li estas Italo.

— Estas maljustaĵo, diris ĉiuj lernejanoj. For la Kanseliero de Sankta Genevievo !

— Hohe ! mastro Joachim de Ladehors ! Hohe ! Ludoviko Dahuille ! Hohe ! Lamberto Hoctement !

— Ke la diablo sufoku la prokuroron de la nacio de Germanujo !

— Kaj la kapelpastrojn de la Sankta Preĝejeto, kun iliaj ĥorpeltoj grizaj ; *cum tunicis grisis !*

— *Sed de pellibus grisis fourratis !*

— Hohe ! la mastroj en artoj ! Ĉiuj belaj ĥormanteloj nigraj ! Ĉiuj belaj ĥormanteloj ruĝaj !

— Vere bela vosto por la rektoro.

— Oni kredus ke estas duko de Venecio, kiu iras al la edziĝofesto de la maro.

— Diru do, Jehan ! la kanonikoj de Sankta Genevievo !

— For la kanonikaro !

— Abato Claude Choart ! Doktoro Claude Choart ! Ĉu vi serĉas Marion la Giffardo ?

— Ŝi estas en la Glatigny-strato.

— Ŝi faras la liton de la reĝo de la diboĉuloj.

— Ŝi pagas siajn kvar denarojn ; *quatuor denarios.*

— *Aut unum bombum.*

Ĉu vi volas ke ŝi vin pagu per la nazo ?

— Kamaradoj ! mastro Simon Sanguin, la elektisto de Pikardujo, kun sia edzino postsele.

— *Post equitem sedet atra cura.*

— Kuraĝon, mastro Simon !

— Bonan tagon, sinjoro elektisto !

— Bonan nokton, sinjorino elektistino !

— Kian feliĉon ili tamen havas, diris sopirante *Joannes de Molendino,* ĉiam alte lokita en la foliaro de la kapitelo.

Dume, la kutima libristo de la Universitato, mastro Andry Musnier, kliniĝis ĝis apud la orelo de la peltisto-felisto de la vestaĵoj de la Reĝo, mastro Gilles Kornulo.

— Mi tion diras al vi, sinjoro, estas la fino de la mondo. Oni neniam vidis similajn senbridaĵojn flanke de la lernejaro. Estas la malbenitaj eltrovaĵoj dum tiu ĉi jarcento, kiuj ĉion malvirtigas. La artilerioj, la kanonoj, la bombardiloj kaj precipe la presilo, tiu alia pesto de Germanujo. Oni ne plu faras manuskriptojn, nek librojn ! La presado mortigas la librejaron. Estas la fino de la mondo, kiu alvenas.

— Mi tion bone vidas per la progresoj de la veluraj ŝtofoj, diris la felisto.

Je tiu ĉi momento sonoris la dekdua horo.

— Ha !... diris per unu sama voĉo la tuta amaso. La lernejanoj silentis. Kaj tiam sekvis granda konfuzego, granda movaro de la piedoj kaj de la kapoj, granda ekaŭdigo de tusadoj kaj de nazpurigoj ; ĉiu sin aranĝis, sin fiksis, sin grandigis, sin grupigis ; tiam sekvis granda silento ; ĉiuj koloj restis streĉitaj, ĉiuj buŝo malfermitaj, ĉiuj rigardoj turnitaj al la marmortablo. Nenio aperis. La kvar serĝentoj de la prefekto estis ĉiam tie, rigidaj kaj senmovaj, kiel kvar pentritaj statuoj. Ĉiuj okuloj sin turnis al la podiego rezervita por la flandraj ambasadoroj. La pordo restis fermita kaj la podiego senhoma. Tiu ĉi amaso atendis de la mateno tri aferojn : la tagmezon, la ambasadon de Flandrujo, la misterludon. Tagmezo estis la nura kiu alvenis ĝustatempe.

Tiun ĉi fojon estis tro.

Oni atendis unu, du, tri, kvin minutojn, unu kvaronon ; nenio venis. La podiego restis sen-

homa, la teatro muta. Tamen post la malpacienco venis la kolero. La plenkoleraj vortoj iris de buŝo al buŝo, ankoraŭ mallaŭtvoĉe verdire. — La misterludo ! la misterludo ! oni interdente murmuris. La kapoj ekscitiĝis. Ventego, kiu ankoraŭ nur gruntis, flosis ĉe la surfaco de homaro. Jehan de l'Muelilo ektiris el ĝi la unuan fajreron.

— La misterludo kaj la flandroj al la diablo, li kriis per la plena forto de siaj pulmoj, dum li sin tordis ĉirkaŭ la kapitelo.

La multaro aplaŭdis.

— La misterludo, ĝi ripetis, kaj la flandroj al la diablo !

— Ni volas la misterludon, kaj tuj, rekomencis la lernejano ; ne ne, laŭ mi, ni bone agus pendigante la prefekton de la Juĝejo, por anstataŭi la komedion aŭ la alegorion.

— Bone dirita, kriis la multego, kaj ni komencu pendigante liajn serĝentojn.

— Granda aplaŭdo sekvis. La kvar malfeliĉuloj ekpaliĝis kaj alrigardis unu la alian. La multego ekmoviĝis en ilia direkto kaj ili jam vidis la malfortan lignan balustradon kiu inter ambaŭ staris, fleksiĝantan kaj kurbiĝantan sub la presado de la amaso.

La momento estis danĝera.

— For ! For ! ekaŭdiĝis de ĉiuj flankoj.

En tiu ĉi momento la tapiŝo de la vestaĵejo kiun ni pli alte priskribis leviĝis kaj montriĝis rolulo kies nura ekvido haltigis subite la multegon kaj ŝanĝis ties koleron en kuriozeco.

— Silento ! Silento !

La rolulo, ne jam trankviligata kaj tremanta per ĉiuj siaj membroj, antaŭiris ĝis la bordo de la marmortablo, farante grandajn riverencojn, kiuj, ju pli li alproksimiĝis, des pli similis al genufleksoj.

Dume la trankvileco iom post iom estis restarigita. Nur ankoraŭ ekaŭdiĝis tiu malgranda zumado, kiu ĉiam eliras el la silento de la amaso.

— Sinjoroj burĝoj, li diris, kaj sinjorinoj burĝinoj, ni devas havi la honoron deklami kaj reprezenti antaŭ lia kardinala Moŝto, tre belan alegorion, kiu nomiĝas : *La bona juĝo de sinjorino la virgulino Mario*. Mi estos Jupitero. Lia kardinala Moŝto nun akompanas la tre honorindan ambasadon de sinjoro la duko de Aŭstrujo, kiu nun estas retenata per la aŭskultado de la solena alparolado de sinjoro la rektoro de la Universitato, ĉe la Pordego Baudets. Tuj kiam la eminenca kardinalo estos ekalveninta, ni ekkomencos.

Estas certe ke nenio malpli ol la interveno de Jupitero estis necesa por savi la kvar malfeliĉajn serĝentojn de la prefekto de la Juĝejo. Se ni havus la feliĉon esti eltrovintaj tiun ĉi veran historion kaj do estus pri ĝi respondecaj antaŭ Sinjorino la Kritiko, ne estus kontraŭ ni ke oni en tiu ĉi momento devus citi la klasikan maksimon : « *Nec deus intersit* ». Cetere la kostumo de sinjoro Jupitero estis tre bela kaj certe multe estis helpinta por trankviligi la multegon kaptante ties tutan atenton. Jupitero estis vestita per malgranda maŝtuniko, kovrita per nigra veluro, kun oraj najloj ; li estis kapvestita per plenkapa kasko tutgarnita per orumitaj arĝentaj butonoj ; kaj ne atentante la ruĝon kaj la dikan barbon, kiuj kovris ambaŭ duonon de la vizaĝo ; nek la rulon de orumita kartono, punktitan kaj tute pikitan per rimenoj de falsbrilaĵoj, kiun li portis en la mano kaj en kiu alkutimiĝintaj okuloj povis vidi la Fulmon ; nek liajn piedojn karnokolorajn kaj kun rubandoj kiel en Grekujo, li tre bone povis esti komparata, laŭ la severeco de sia vestaĵo, kun bretona arkisto de la grupo de sinjoro de Berry.

El « *Notre Dame de Paris* ».

*(Fino.)* Trad. Maur. JAUMOTTE.

# Progreso de Esperanto en Scienca Fako

Iom post iom, la internacia helplingvo fariĝas UZATA ilo en internaciaj organizaĵoj. Jam de dekkvar jaroj, aro de eminentaj scienculoj konsilis la uzon de Esperanto en sciencaj rondoj.

En 1932, dum la internacia kongreso de elektro en Parizo, oni diskutis, en la komisiono de mezuroj, raporton de S-ro D-ro-inĝeniero Wüster (el Wieselburg-Nieder-Œsterreich) pri « Internacia lingvo-normigo en la Elektrotekniko ». En tiu diskuto, kelkaj eminentaj elektristoj (Cotton, Jouaust, Pohl kaj aliaj) varme pledis por Esperanto, kaj kelkaj ĉeestantoj parolis en Esperanto : tio impresis grave la aŭskultantojn.

En ĉiu industria lando ekzistas « Nacia Elektroteknika Komitato ». La naciaj komitatoj kune konsistigas la « Internacian Elektroteknikan Komitaton », kies tasko estas zorgi pri la internacia normigo de la elektroteknikaj elementoj, terminoj kaj objektoj.

En la I.E.K. ekzistas diversaj studaj fakoj, inter kiuj estas tiu de la terminaro ; tiu-ĉi, de tridek jaroj, prilaboras vortaron, kiu nun estas preskaŭ preta por publikigo. La difinoj de la terminoj estas donitaj en la oficialaj lingvoj de la Komitato (angla kaj franca), kaj oni aldonis la germanan, italan kaj hispanan tradukojn de l'terminoj.

Tuj post la diskuto en la KONGRESO DE ELEKTRO de 1932, la prezidanto de l'Komisiono de Mezuroj prenis sur sin proponi al la Internacia Elektroteknika Komitato enkonduki en la vortaron, esperantan tradukon de la terminoj. Tiun proponon subtenis en 1933 tridek eminentaj elektroteknikistoj francaj, germanaj, aŭstraj, nederlandaj, hispanaj, per komuna letero al I.E.K.. Du rusaj scienculoj skribis samsence al I. E. K.

En la studa komisiono de I.E.K. pri terminaro, la propono ne ricevis, en 1933, favoran akcepton : oni prokrastis.

En 1934 ,oni akceptis presigi provan aldonon al la unua ĉapitro de l'vortaro. En Januaro 1935, la studa komisiono decidis presigi la esperantajn terminojn en la vortaran specimenon mem (unua ĉapitro). Sed ĝi ne rekomendis la akcepton de Esperanto : la presaĵo estu nur provo ; la decidon faru la plenkunveno.

La ŝanĝo en la sintenado de la studa komisiono estas la sekvo de la daŭraj klopodoj de S-ro Wüster kaj de la delegitoj francaj (Janet, Brylinski, Jouaust) kaj nederlanda (van de Well).

En Junio de 1935 okazis la granda batalo : Kongreso kaj plenkunveno de Internacia Elektroteknika Komitato (Scheveningen 18-22 de Junio, kaj Bruselo 24-27).

Ĉiu granda batalo devas esti preparita ; por tiu preparado S-ro Isbrücker interkonsentis kun la urbestro de Den Haag — lerninto de S-ro Ĉe — kaj kun la prezidanto de la nederlanda Elektroteknika Komitato (Feldmann) specialan aranĝon : dum

# BELGA KRONIKO

### Nova Esperanto-ludo: " Kanjugo "

Ni atentigas la estrarojn de la diversaj grupoj, pri la apero de nova Esperanta Kartludo ,eldonata de la sama brita firmo kiel la Lexicon-ludo, kaj kiu permesas, ludante, kunmeti verajn, interesajn krucvortojn.

La kartaro, bele enpakita en skatoleto, estas mendebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto » — Esperanto-Domo, Willemsstr. 21, Antverpeno, je la sama prezo kiel la « Lexicon ».

### Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

Dum la monato de Aŭgusto, okazos ĉiusabate intima kunsido, kun ne antaŭe kunmetita programo: babilado, ludoj, eble promenadoj.

La 15-an de Aŭgusto, okazos ekskurso, pri kiu decidos la kunvenantaro la antaŭan Sabaton. Ĉiu ĉeestu tiun kunsidon kaj partoprenu tiun ekskurson.

La unuan Sabaton de Septembro ekkomenciĝos la funkciado de la teatra sekcio.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde je la 20-a, Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstraat 2, rue des Blanchisseurs.

La 6-an de Aŭgusto: Legado kaj klarigado de Belga Esperantisto. Prezidos: S-ro Ch. Poupeye.

La 13-an: Kantvespero, sub gvidado de S-ino Gabrielle Poupeye kaj de F-ino A. Boereboom.

La 20-an: Legado de teatraĵo. Prezidos: F-ino Y. Thooris.

La 27-an: Esperanta kartludado. Prezidos: F-ino Y. Hubrecht.

N. B. — La grupa biblioteko estas malfermata ĉiumarde de la 19.30a ĝis la 20-a en la grupa sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » placo Simon Stevin; Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de Esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 5-an de Aŭgusto: D-ro Van der Biest prezidos.

12-an de Aŭgusto: F-ino Kerkhof prezidos.

19-an de Aŭgusto: F-ino Elly Staes prezidos.

26-an de Aŭgusto: F-ino Kestens prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: ĉiulunde, je 7-a horo: perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO: ĵaŭdon, 8-an de Aŭgusto, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Hotel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN: ĵaŭdon 1-an kaj 22-an (ĉar la 15-a estas festotago), je 7 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Duchesne, rue Ernest Solvay, 1.

---

te-akcepto, kiun en la posttagmezo de la 18a la urbestro de Den Haag donis al la delegitoj, S-ro Ĉe faris alparolon ĉirkaŭe 10-minutan en Esperanto. (Krome okazis nur franclingva alparolo de la urbestro mem.) Tiun esperantan alparolon la aŭskultantoj kelkfoje haltigis per aplaŭdoj, komprenante kvankam ne lerninte Esperanton. Krome, multaj partoprenantoj de la te-kunveno havis okazon aŭdi esperantan interparoladon privatan, ĉar inter la delegitoj kelkaj scias Esperanton: Thierens (Nederlanda), Hallo (Nederlanda), van de Well (Nederlanda) kaj lia filino, Jouaust (franca), Wüster (Aŭstra); gaste ĉeestis ankaŭ gesinjoroj Isbrücker.

La belgaj delegitoj estis ricevintaj, kelkajn tagojn antaŭ sia veturo al Scheveningen, dokumentaron pri Esperanto, senditan de la belga komisiito de Internacia Scienca Asocio Esperantista. Tiu dokumentaro enhavis nacilingvajn tekstojn kaj ankaŭ, kiel ekzemplo de esperanto UZATA, ekzempleron de Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esperantista.

La 19an kaj la 21an de Junio, la temo de enkonduko, de Esperanto estis diskutata en subkomisiono kaj en komisiono. Fine, malgraŭ energia kontraŭklopodado de la brita delegito, kiu asertis ke Esperanto havas, nek literaturon elektroteknikan, nek nacion (?), la komisiono decidis rekomendi la akcepton de Esperanto.

Fine, la 27an de Junio, en Bruselo, la ĉefkunveno de I.E.K. akceptis definitive Esperanton.

Tiu sukceso estas rezultaĵo de alcentrigo kaj de sistema agado: dum kelkaj jaroj, kelkaj esperantistoj alcentrigis sian laboron nure al la kampo elektrista, pacience informante la plej influajn fakanojn pri Esperanto.

Oni ne nur diris, sed ankaŭ oni montris, ke ESPERANTO ESTAS UZATA.

Cl. VANDEVELDE.

### Grupaj Raportoj

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Dum la monato de Julio, la membroj regule, intime kunsidis, sen speciala programo, post kiam ili estis vizitintaj la foiron, la lastan sabaton de Junio.

**BRUSELO. — " Esperantista Brusela Grupo ".** — Krom la ordinaraj lundaj kunsidoj, la grupo organizis la 14-an de Julio, Esperanto-tagon, kiun ĉeestis, krom multaj niaj membroj, ankaŭ multaj amikoj el Antverpeno kaj La Louvière. Grupe oni vizitis diversajn pavilonojn de la Ekspozicio. Post bone sukcesinta komuna tagmanĝo oni daŭrigis la viziton, ankaŭ al « Malnova Bruselo » kaj al la lumigado. Ĉiuj kontente rehejmiĝis.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 25-an de Junio, pro la bela vetero, la laŭprograma kunveno estis anstataŭata per promenado al St-Kruis, kie la grupanoj pasigis agrablan horon en somertrinkejo.

La kunveno de la 2-a de Julio, okazis en kafejo « Vlissinghe » kaj, post la kutimaj grupaj aranĝoj, estis dediĉata al ĝenerala interparolado.

Dum la kunveno de la 10-a, S-ro Ch. Poupeye gvidis la legadon de « Belga Esperantisto », donante klarigojn kaj okazigante utilajn rimarkojn.

Dimanĉon, 14-an, la grupo ne povis partopreni la viziton de la Brusela Ekspozicio, organizatan de la tiea grupo, tial ke jam de longe antaŭe estis prenitaj firmaj aranĝoj por ekskurso al Blankenberghe. Tiu do okazis la diritan tagon kaj sesdeko da gemembroj ĝin ĉeestis, ĝuante la agrablan kunestadon ĉe la marbordo. Posttagmeza manĝeto estis prenata en Hotelo Pasteur, ĉe samideanoj Marinus-Lonneville, kie nia

verda flago ornamis la fasadon kaj oni ĝoje finis la vesperon en la dancejo de la « Pier ».

La 16-an, du punktoj estis sur la programo: 1-a) Konversacia leciono, sub gvidado de F-ino M. J. Vanden Berghe, kaj 2-e) « Humoraĵoj », direktataj de S-ro G. E. Guillaume. Du humoraj rakontoj, tradukitaj kaj legataj de S-ro F. de Bel, estigis ĝeneralan ridadon.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La 4-an de Julio okazis en Sclessin, la disdono de la diplomoj al la laŭreatoj de la ekzameno, farita en Jemeppe la 5-an de Junio. Post la kutimaj paroladoj de la Societa kaj Juĝintara Prezidantoj, la diplomoj estis donataj al la lernintoj laŭ jena listo: F-ino Y. Mercenier, kun la plej granda merito; S-roj L. Welkenhuyzen, M. Gillet, J. Redotté, kun granda merito; S-roj J. Trutin, J. Hendrickx kun merito.

Tiu ceremonieto estis sekvata de la ordinara kunveno de la Sclessin'a grupo, kiu tiel tuj kontaktigis la novajn samideanojn kun la Esperantista vivo.

La Sclessin'anoj tiam decidis kunveni de nun ankaŭ la 3-an ĵaŭdon (nefestan) de ĉiu monato.

En Lieĝo la perfektiga kunsido ankaŭ profite okazis la 11-an de Julio. Ĉiaj direktantoj ekpraktikigis novan tre allogan programon (kroniko, paroladoj, legadoj, gramatikaj specialaĵoj, amuzaĵoj, kantoj), kiu certe kontentigos ĉiujn.

En Chênée la kunvenoj same bone funkciis.

### Gratuloj.

— Al G-roj Willy De Schutter-Kenens, diplomitaj geprofesoroj de Esperanto, gemembroj de « La Verda Stelo », pro naskiĝo de filo Bob, la 17-an de Julio.

Plaĉis al Lia Moŝto, Francisko la I-a, Princo Reganto de Liĥtenŝtejno, nomi S-ron Robert Kreuz, direktoron de UEA, « Princa Komerca Konsilisto ».

## La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

Sub tiu ĉi rubriko ni regule mencias la interesajn novaĵojn propagandajn kaj movadajn, el la internacia esp-o-gazetaro.

BRITA ESPERANTISTO:

— *Monumento al S-ro Trotin.* — Monumento estas starigota sur la tombo de nia ĵus mortinta samcelano, S-ro Trotin, Esperantista paroladinto ĉe la Lille-radio-stacio. Sendube multaj el niaj radiuloj volos partopreni kaj la B.E.A. volonte ricevos sumojn.

ESPERANTO. — La magazenoj « Bon Marché », en Parizo, donas rabaton al UEA-membroj.

Jen imitinda ekzemplo, sur kampo ĝis nun preskaŭ ne ekspluatita.

— La direkcio de la hungara poŝto eldonis, okaze de la nunjara Internacia Foiro en Budapeŝto, novan serion de oficialaj poŝtkartoj kun ilustraĵoj. La klarigaj tekstoj estas presitaj en la lingvoj hungara, franca kaj esperanta.

— BRAZILA ESPERANTISTO. — Post longa forresto B.E. reaperis. Espereble la gazeto kiu ĉiam antaŭe regule aperis kaj estis signo de la granda poresperanta laboro en Brazilo indikas denovan reviviĝon de nia movado en tiu lando.













Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.